# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

14-a jaro (Numero 4) 1930
Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj)

**Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)**

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelsche laan 30. Winschoten ((Nederlando)
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME. 21. Glenalmond Rd Sheffield (Anglujo)
Sekretario de TAGE: W. H. MOOK. Nassauplein 15a. Groningen (Nederlando)
2-a Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gr). (Nederlando)


## *Parolado de nia prezidanto, k-o Roome en Esperanto-Domo en Arnhem*

Parolante al vi pri nia asocio, du malfacilaĵojn mi trovas.

1. Mi parolas al la »konvertitaj«, al tiuj, kiuj jam decidis aliĝi al TAGE, al tiuj, kiuj ŝatas kaj subtenas ĝiajn ideojn, kaj deziras ĝian sukceson. Do, ne necesas ke mi ekspliku idealojn, kiujn vi mem posedas.

Ni ĉiuj kondeziras al la plej bonaj tipoj de edukaj kaj instruaj principoj, metodoj, idealoj; ni ĉiuj volas trovi inter nia anaro tiujn decidojn pro la antaŭenirado kaj pro ĉia ajn progresado de niaj kunuloj, ĉu kolegoj, ĉu lernantoj, ĉu edukistoj, ĉu samtempuloj, aŭ profesiaj aŭ ne.

2. Mia dua malfacilaĵo estas pli lastatempa. De post kiam mi pripensis la rimarkojn, kiujn mi devas fari al vi, mi havis la plezuron legi kion nia kolego Korte proponas diri al vi. Dum li pritraktos ĉefe la praktikan flankon, li certe ankaŭ prezentos al vi niajn idealojn, kaj pli bone ol mi, li prezentos tiujn idealojn en formo reala, ebla, kaj — se ni vere kune laboros — en formo tiom atingebla, ke ili havas la grandan belecon, ke ili estas ne nur — aŭ eĉ ĉefe — malproksimaj revoj, sed praktikaj, utilaj, tre dezirindaj eblaĵoj. Pro tio, ke li al vi prezentos tiujn pli bone ol mi povos fari, mi eltranĉis iujn el miaj proponitaj rimarkoj.

Kompreneble, se ni honeste kaj vere deziras progresadon, ni same, aŭ almenaŭ simile, pensos kaj kredos pri la grandaj ideoj kaj principoj.

Sed, pri kelkaj detaloj ni ĉiam malsimilas. En ĉiu lando, en ĉiu tipo de lernejo, ni trovas apartajn ideojn kaj metodojn, kiuj ne tute taŭgus aliloke. Kelkajn metodojn, ekzemple, kiujn mi vidis en la lernejoj de Nederlando, de Belgujo, kaj de Germanujo, mi certe aprobas; sed mi scias, ke oni ne povus fari la instruadon precize tiele en britaj lernejoj.

Ni devas rekoni la rajtojn de ĉiu inteligenta instruisto, ke li aŭ ŝi enkonduku kaj utiligu la metodojn taŭgajn, *por* kaj *pro* siaj lernantoj.

Alia punkto lastatempe, denove alvenis al mia pripensado. Dum multaj jaroj niaj antaŭuloj en TAGE — kaj inter ili mi deziras nomi Dron Dietterle kaj nian altŝatatan kolegon Goldberg, — batalis kontraŭ la enkonduko de politikaj ideoj en nian asocion.

Ni havas en nia anaro kaj subtenantoj ĉian ajn tipon de politi*kulo* — mi ĝojas nemulte da politik*istoj* — ankaŭ kompreneble multe da nepolitikuloj.

Do, evidente, la subteno de iu ajn, signifos la subpremon — kaj eventuale la eliradon —, de aliaj. Tion ni certe ne volas.

Mi do, denove, emfazas la neŭtralecon politikan kaj religian de TAGE. Samtempe, mi egale forte emfazas la rajton — la ofte kontraŭbatalatan rajton — de la individua instruisto, ke li pensu, kredu, kaj se necese agu pro siaj politikaj idealoj. Ĉu, kaj kiel li tion farus, dependas de la cirkonstancoj, absolute. Oni ne povas eĉ sugesti regulojn, kiuj same kiel mi ĵus diris pri metodoj, taŭgas unuloke, sed ne taŭgas aliloke. Sed pri la *individua rajto*, ke oni partoprenu aŭ ne, en politikaj movadoj, mi insistas; ne forgesante, ke tiu rajto enhavas la plenan respondecon de la persono mem, sed tute ne de iu ajn asocio, de kiu li okaze estas ano.

*Pri la enkonduko de Esperanto en la lernejon,* ni havis antaŭ pli ol dekkvar monatoj gravan konferencon en Vieno, kies raporton ni ĝis nun atendas. Dum mia ĉeesto tie, mi ofte aŭdis, ke la unua paŝo al la enkonduko en la lernejon estas sufiĉa provizo de geinstruistoj: kaj la unua paŝo al tio estas la enkonduko de Esperanto en la ordinaran kurson de la instruista seminario. Ne certa, kaj ne justa, estas sistemo kiu petas, ke la instruisto sin instruigu, je sia kosto, dum sia libera tempo, kaj nepagate. Preskaŭ ĉiu inteligentulo kredas, ke Esperanto estas publika gajno, eĉ neceso. Tial la publiko pagu kaj ne daŭre atendadu, ke la individuo sin donu energie, mone, kaj tempe al tio, kion la ŝtato mem ofte volonte laŭdas, sed tute ne volas pagi aŭ provizi.

Alian punkton. Ĉar Esperanto havas internacian karakteron, internacian valoron, kaj paceman forton, tial la germana regnestraro ĵus kontraŭis ĝin, kaj volas ekstermi Esperanton el sia regiono. Mi iome ĝojas, kaj mi sentas eble pli dankŝuldon al tiu regnestraro, kiu tiele faras la solan honoron, kiun ĝi kapablas fari por nia movado, ol mi sentas por iuj aliaj, kiuj *buŝe* favoras ĝin, sed *age* kaj *vere* faras nenion. Mi intence ne donas nomojn.

Sen tiaj, eble kontraŭ ili, vivu Esperanto.

# Parolado de k-o Korte

*Karaj Gekolegoj!*

Nia prezidanto parolis pri niaj idealoj; pri la idea flanko de la instruista movado en Esperantujo. Mi parolos pri pli materiaj temoj: pri la propagando por TAGE kaj la taskoj, kiujn ĝi devas plenumi. Mi ne intencas longe paroladi aŭ prelegi por vi. Mi nur volas nomi kaj priparoli kelkajn punktojn, laŭ kiuj ni poste povos iom diskuti. En IPR ni jam plurfoje provis diskutigi iun temon, sed tio preskaŭ ĉiam malsukcesis. Ŝajne niaj legantoj ne ĉiam atente legas nian revuon. KIAL ne?

Kaj nun ni havas la okazon renkonti almenaŭ kelkajn anojn; ni diru: kunvenas ĉi tie nia granda laborkomitato. Mi nun deziras ke ĝi estu vere labora komitato, tiel ke niaj diskutoj povu servi al la gvidado de nia asocio.

Kiam ni parolas pri la propagando por nia asocio, ni devas nepre atenti ĝian karakteron. La faktoj devigas nin esti iom neŭtrala, sed tio ne signifas ke TAGE ne havas propran karakteron.

Preskaŭ ni malesperus pro nia tasko kiam ni aŭdas kiom da gekolegoj nur sin anoncas al TAGE. Ĉu ne pli da bonvolaj popoledukistoj ekzistas inter la multaj kolegoj-esperantistoj? Certe jes. Feliĉe jes. Kaj inter tiuj kolegoj ni devas propagandi nian asocion kaj ĝiajn principojn. Tiujn gekolegojn ni devas interesigi por la uzo de nia lingvo ĉar nur esperanto povos firme ligi tutmondan kolegaron, kvazaŭ ĝi estas unu granda familio de edukistoj.

Tiun propagandon devas gvidi la landaj agentoj aŭ estraroj de la landaj sekcioj. Pri tiu propagando mi nun volas diri kelkajn vortojn:

1. TAGE instigu al propagando por esperanto inter la diverslanda kolegaro. Ĝi efektivigu tion pere de la gazetaro. La landaj reprezentantoj propagandu per artikoloj en la landa faka gazetaro kaj se eble per paroladoj dum naciaj fakkunvenoj.. Oni ne forgesu influi la naciajn instruistajn organizojn favore al esperanto. Ni atentigu la naciajn organizojn pri nia asocio kaj nia revuo. La reprezentantoj serĉu kolegon esperantistan en ĉiu organizo kaj kiu estas preta verki artikolojn pri la landa situacio por nia revuo, almenaŭ kiam la agento mem ne povas fari tion. Ĉiu lando zorgu ke almenaŭ 4-foje ĉiujare ĝi estu reprezentata per artikolo en nia revuo. Tio estas tre grava flanko de nia laboro: esperantigi nian tutmondan kolegaron. IPR fariĝu pli informa kaj tiel pli interesa kaj valora por la instruisto, kiu ŝatas orientiĝi. Preskaŭ ni povas diri: la stato fariĝu tia, ke la kolegoj volas esti esperantistoj por ke ili povu legi nian revuon.

Kompreneble ĉiuj naciaj esperantaj organoj propagandas nian lingvon kaj ni helpu ilin tiel bone kiel eble, sed instigu al laŭsistema propagando speciale inter la instruistoj. Por ĉiuj esperantaj organizoj ja estas la enkonduko de nia lingvo en la lernejon grava programero kaj ili komprenas ke antaŭ ĉio la instruistaro devas interesiĝi por espe-

ranto. Pli detale mi nun ne povas priparoli ĉi tiun temon kaj iras al la dua punkto:

2. la propagando inter la gekolegoj kiuj jam estas esperantistoj. La landaj reprezentantoj klopodas atingi ĉi tiujn kolegojn kaj atentigi ilin pri nia asocio kaj ĝia organo. Per cirkulero aŭ provnumero de nia revuo ili varbu inter tiuj personoj, kies adresojn ili eksciis. La faktoj instruis al ni, ke pli efike estas de tempo al tempo aperigi artikolon en nacia fakgazeto aŭ esperantlingve en la naciaj esperantaj organoj. Tiuj artikoloj direktu sin rekte al la kolegaro kaj atentigu pri la principoj de nia asocio kaj la valoro de nia internacia informilo. Mi scias ke multaj landaj asocioj volas presi senpagan anoncon por ni, pro kio ili meritas nian tutkoran dankon.

3. Krome la reprezentanto klopodu instigi la anojn verki interesajn artikolojn por nia revuo. Ĝis nun tiaj artikoloj ankoraŭ ne amasiĝas en la laborĉambro de nia redaktoro.

Vi komprenos, ke la landa agento havas sufiĉan laboron, kiam li volas ekspluati ĉiujn eblojn. Tial estos pli bone formi tiel baldaŭ kiel eble, iun laborgrupon, ekzistantan el kelkaj anoj, kiuj povos dividi inter si la diversajn taskojn. Tial ni tre ŝatas ke la anoj en unu lando formas grupon, ni diru, sekcion. La sekcio elektu estraron kaj tiu respondecas pri la farota laboro.

La nuna stato de nia asocio estas, ke ni entute administras 331 anojn, nome:

| | | Por tiuj landoj la nombroj estis en la jaro 1932: |
|---|---|---|
| Alĝerio | 1 | 1 |
| Aŭstralujo | 1 | 1 |
| Aŭstrujo | 3 | 20 |
| Belgujo | 2 | 1 |
| Britujo | 26 | 23 |
| Bulgarujo | 15 | 12 |
| Ĉeĥoslovakujo | 19 | 34 |
| Ĉilio | 1 | 1 |
| Ĉinujo | 1 | 1 |
| Danujo | 11 | 4 |
| Egiptujo | 1 | 2 |
| Estonujo | 2 | 10 |
| Francujo | 15 | 33 |
| Germanujo | 14 | 347 |
| Grekujo | 1 | 0 |
| Hispanujo | 2 | 4 |
| Hungarujo | 2 | 5 |
| Italujo | 1 | 1 |
| Japanujo | 2 | 11 |
| Jugoslavujo | 13 | 13 |
| Kanado | 1 | 2 |

| | | Por tiuj landoj la nombroj estis en la jaro 1932: |
|---|---|---|
| Latvujo | 7 | 15 |
| Litovujo | 5 | 6 |
| Nederlando | 54 | 37 |
| Nedl. Hindujo | 3 | 6 |
| Norvegujo | 4 | 5 |
| Polujo | 8 | 9 |
| Portugalujo | 1 | 1 |
| Svedujo | 105 | 20 |
| Svisujo | 3 | 3 |
| Usono | 5 | 6 |
| Entute: | 331 | 634 |

Krome ekzistis ankoraŭ entute 17 anoj en la landoj: Albanujo, Argentino, Brazilio, Finnlando, Islando, Novzelando, Peruo, Urugvajo, kie nun ne plu estas anoj, sed ni atentu, ke inter la plena nombro 651 estis 52, kiuj ne pagis. Restis do 599 pagantaj anoj. Ne kalkulante Germanujon pro la abnorma perdo ni havis en la aliaj landoj dum 1932, 287 anojn kaj nuntempe en la samaj landoj 317 anojn. Do ni povas konstati kreskon de 30 anoj, en la daŭro de 3 jaroj. Ne multe, vi verŝajne diros, sed vi ne forgesu, ke tiu periodo de 3 jaroj estis por nia organizo treege peza, ne nur pro la ĝenerala krizo sub kiu suferas ĉiuj internaciaj esperantaj asocioj, sed precipe pro la interna krizo kaŭze de la amasa perdo de anoj en Germanujo. Mi opinias, ke ni povos gratuli unu la alian pro la fakto ke malgraŭ ĉio TAGE kreskas.

Vi rimarkis, ke la plej granda nombro de niaj anoj nuntempe loĝas en Svedujo. La svedaj kolegoj formis grandan, gravan sekcion, kies estraro bone komprenas la signifon de nia laboro kaj energie klopodas disvastigi niajn ideojn.

Nia nederlanda sekcio nombras 54 anojn. Ĝiaj estraranoj daŭre harmonie kunlaboras por la bono de nia movado.

En Jugoslavujo kolego Golobiĉ gvidas la sekcian laboron. Ĝi ankoraŭ estas juna, sed la movado tiea estas tute sana kaj ni rajtas esperi, ke tie baldaŭ estiĝos sufiĉe granda vigla sekcio.

Ni ne forgesu Britujon, kie kolegino Nixon preparas la aferon por starigi sekcion.

Ĉeĥoslovakujo montras gravan perdon, sed mi opinias, ke nia agento K-o Kilian scias rimedon por ŝtopi tiun truon. La esperanto movado inter la tieaj geinstruistoj forte progresas kaj ni povos esperi, ke tie baldaŭ ekzistos grava sekcio, kiu konsiderinde plifortikigos niajn vicojn.

Ankaŭ Danujo vidiĝos en proksima tempo kontentigan kreskon. Nia reprezentanto k-o Nielsen nur atendas la taŭgan momenton por alporti al ni novan sekcion. Certe tio okazos, ĉar Danujo tre vigle partoprenas la propagandon por nia lingvo pere de multaj kursoj kaj

prelegoj. Eble ni sukcesas fondi, laŭ instigo de la Sveda Instruista Esperanto Federacio, sekcion por ĉiuj nordaj landoj. Skandinava sekcio do, kiu entenas la landojn Svedujo, Danujo, Norvegujo kaj Finnlando. Ni jam sendis niajn proponojn al Svedujo kaj Danujo kaj atendas volonte jesan respondon. Tia sekcio havas la grandan avantaĝon ke Norvegujo kaj Finnlando, kie nuntempe la porinstruista movado apenaŭ ekzistas, povos profiti la laborkapablon de la pli fortaj landoj Svedujo kaj Danujo. Mi ankoraŭ nomas Bulgarujon, kie nia reprezentanto Valĉanov komencis fruktodonan laboron.

Ŝajnas al mi, ke precipe la malgrandaj landoj en la nuna tempo zorgas, ke la porinstruista movado restas kaj povas almenaŭ ekzistadi ĝis kiam pli bonaj cirkonstancoj sin anoncas. Tiam ni devas esti pretaj por la rikolto. Ni faru la preparajn laborojn kaj kreu organizon, kiu tiam povos akcepti la gekolegojn, kiuj simpatias kun niaj principoj.

Alian temon mi volas priparoli kun vi, nome: kiel ni povos plifirmigi la kontakton inter la anoj de nia asocio? Kaj vi respondos: pere de nia revuo IPR. Jes, sed tiam la anoj devas legi ĝin. Ni proponis en nia organo diversajn priparolotajn temojn, sed preskaŭ neniu respondis perletere aŭ perartikole. Ni preskaŭ povas ripeti la vortojn: Ĉu Esperantujo estas lando senefa? Tiu malbona fakto nepre devas ŝanĝiĝi. La eldono de nia organo kostas al ni multan monon kaj multe da zorgoj. Tiu kapitalo devas produkti sian renton en la formo de pli viglaj rilatoj inter niaj anoj. Antaŭ ĉio, nia gazeto devas esti interesa, sed nia redaktoro sola ne povos fari tion. Tio estas tasko, kiun niaj legantoj devas plenumi. Kaj ili certe povos fari tion. Nur iom da laboro, iom da peno ĝi kostos al ili. Ĉu nia redaktoro, kiu tiom zorgas pri la enhavo de la revuo kaj donas multan tempon al ĝi, ne rajtas postuli iom da kunlaboro, iom da re-servo de siaj legantoj por nia komuna afero?

Personan kontakton inter la anoj TAGE plue instigas pere de la korespondlistoj, kiuj aperu kune kun IPR. Pri tiuj mi ankaŭ volas ion diri. Vi scias, ke la internacia asocio por helpa lingvo (IALA) prizorgas la internacian korespondoficejon kiu peradas la korespondadon nur inter geinstruistoj kaj gelernantoj. La sekretariino de tiu instituto estas F-ino Marta Moelke, kiu kun multe da fervoro kaj energio gvidas la oficejajn laborojn en Berlino. Antaŭ kelkaj jaroj la listoj, kiuj enhavas la adresojn de multaj korespondemuloj, aperis pere de la kajeroj de IPR. Poste, kiam IPR ne tre regule aperis, la oficejo mem ekspedis de tempo al tempo tiujn listojn al kelkaj interesiĝantoj. Antaŭe la listoj estis presataj sed nun pro monmanko, la sekretariino ciklostilas ilin. Jam dum pli ol unu jaro ni provas aperigi la listojn regule pere de nia revuo, kiu malgraŭ ĉiaj malhelpoj tamen regule aperas 6-foje ĉiujare. Post multaj vanaj klopodoj, ni sukcesis unu fojon ekspedi la listojn per nia gazeto al ĉiuj niaj anoj. Sed ŝajnas al mi, ke la oficejo ne plu disponas pri sufiĉe da adresoj por eldoni regule la listojn. La kialojn? Certe ekzistas ankaŭ nun sufiĉe da gekolegoj kaj gelernantoj

kiuj ŝatas korespondi. Pere de nia revuo, ni plurfoje rekomendis tiun korespondon. Mi do opinias ,ke niaj anoj certe scias la funkciadon de la oficejo. Sed povas esti, ke la negermanaj anoj ne tro fidas la funkciadon de la koresponda aparato en la nuna Germanujo, aŭ ke ili ne ŝatas sendi siajn leterojn al la sekretariino. Mi ne scias, nur supozas. Mi certe scias, ke tiuj argumentoj estas bagatelaj, kaj ke f-ino Moelke, same kiel en antaŭaj jaroj fervore laboras por efektivigi la necesan kontakton inter la diverslandaj anoncantoj. Por pli firme ligi tiun korespondoficejon al nia asocio, kaj nuligi eventualajn malŝatojn, rilate al la nuna Germanujo, ni klopodis akiri la oficejon ĉe ni. Ĝis nun tio tamen ne sukcesis, sed estu certaj ke ni bone komprenas la gravecon de tia korespondoficejo el propaganda vidpunkto por nia asocio kaj ke ni faros nian eblon por ke ĝi regule funkciu.

Pli personan kontakton ol pere de korespondo ni ekhavas dum kongreso. Ĝis nun TAGE-anoj kunvenis dum la universalaj kongresoj, sed la kostoj por la partopreno de tiaj kongresoj estas tiel altaj ke nur kelkaj anoj povos vojaĝi tien. Krome niaj anoj ne ĉiuj ŝatas viziti la naŭtralajn kongresojn kaj tial ni decidis unufoje efektivigi TAGE-konferencon ekster la oficialaj kongresoj. Tial ni estas nun en Arnhem. Eble ni povos daŭrigi tion en la venonta jaro. Tamen dum la oficiala kongreso ni okazigu kunvenon de TAGE-anoj por priparoli diversajn temojn.

Ni ĉiam provas plivalorigi la anecon de TAGE. En tiu rilato ni proponis la eldonon de geografiaj bildoj kun esperanta teksto. Tiuj libroj prezentos ĝeneralan bildon de iu lando kaj formos taŭgan informilon kaj eĉ instruilon por nia kolegaro. La intereso por tia eldono inter niaj anoj ŝajne estas tiom malgranda ke ni ne riskos la aperigon.

Plue ni komencis la distribuon pere de nia gazeto, de facila, interesa, bonstila legaĵo por infanoj. La folioj estas elpreneblaj kaj tiel la abonantoj de la revuo ricevos post kelka tempo ĉarman libreton, kiu povos alporti al la gelernantoj kelkajn »Agrablaj'n Horoj'n«. Ni ankoraŭ ne scias ĉu oni ŝatas tiun aranĝon. Oni ne skribis al ni mallaŭdajn leterojn kaj el tio ni konkludas ke ni almenaŭ ne *tro* fuŝis la gazeton. Dum la diskutoj mi tre petas vian opinion pri nia organo.

Ni volas ke niaj anoj konsideru sian anecon de TAGE ne bagatela sed eĉ tre valora. Tial nia laborkomitato aranĝis la eldonon de serio da popularaj-sciencaj, interesaj verketoj sub titolo: »Pedagogia Biblioteko« Niaj anoj povos aĉeti tiun serion por tre favora prezo. Jam du manuskriptoj estas pretaj; unue la interesa libro de A. Ferrière pri nunaj problemoj en lernejo kaj instruo; due libro pri la nederlanda pedagogo Jan Ligthart. La tria estas nun prilaborata: ĝi estas studaĵo de la belga D-ro V. d'Espallier pri modernaj lernejaj libroj. La eldonon ni komencos en la aŭtuno. Sed ankaŭ ĉirilate ni bezonas la helpon de ĉiuj kolegoj; ili proponu al ni el sia nacia literaturo taŭgan verketon, kiu estas tradukota en esperanton aŭ ili serĉu kolegon kiu volas kaj povas

ion verki en nia pedagogia serio. Kaj... ni esperas, ke ili... aĉetos la eldonaĵojn de TAGE; aĉetos kaj priparolos por ke ĉiuj gekolegoj aŭdu pri nia plano.

En la lasta tempo mi perletere konatiĝis kun kolegino, kiu tre interesiĝas pri la eldono de bona legaĵo por infanoj. Al ŝi mi proponis diskuti en Arnhem la eblecon de tiu entrepreno. Ke nia laborkomitato sin interesas pri tiu temo jam montras al vi la preso de niaj folioj »Agrablaj Horoj« Laŭ ni la eldono de taŭga legmaterialo por niaj junaj esperantistoj estas tre grava flanko de nia movado. Kaj rekomendinde estus se iu instituto aŭ organizo kontrolus la eldonon por ke ne povu aperi bagatelaj kaj eĉ malutilaj libretoj. Ankaŭ pri tio mi tre petas vian bonvolan diskuton.

Karaj geamikoj, vi rimarkas ke mi nur tre supraĵe pritraktis diversajn temojn, kiuj estas gravaj por nia asocio. Sed verŝajne jam tro longe mi okupis min pri tio. Mi ankoraŭ nun volas peti vin, bv. diri vian opinion por ke nia laborkomitato sciu almenaŭ kiujn vojojn ĝi laŭiru en la proksima tempo.

Resumante mi petas diskuton pri:

1. TAGE laboros por la propagando inter la neesperantistaj kolegoj
2. Ĝi provos kontaktiĝi kun la landaj fakorganizoj
3. Ĝi efektivigu viglan propagandon inter la tutmonda kolegaro esperantista.
4. Metodoj por plifirmigi la kontakton inter la anoj.
5. La redaktado de IPR kaj la aldono »Agrablaj Horoj«.
6. La korespondlistoj kaj la korespond-oficejo en Berlino.
7. La aranĝo de TAGE-kunvenoj.
8. La eldono de »Pedagogia Biblioteko«.
9. La eldono de porinfanaj legaĵoj pere de TAGE aŭ sub la kontrolo de la asocio.

*Noto de la redakcio:* Ni *tre urĝe* petas la opinion pri la supraj 9 punktoj de ĉiuj niaj anoj, kiuj ne ĉeestis la kunvenon en Arnhem.

---

# Raporto pri la kunveno de TAGE en Arnhem

La 27-an de Julio en la Esperanta Domo kunvenis TAGE. Sro Roome el Sheffield prezidis kaj parolis pri la idealoj de la porinstruista movado. Sro Korte (Veendam, Nederlando) priparolis la praktikan gvidadon de la asocio. Poste oni diskutis diversajn temojn proponitajn de la administranto. La ĉeestantoj petis la laborkomitaton daŭrigi senlace la propagandon inter la esperantistaj gekolegoj, kaj instigi la instruon de esperanto en la lernejo. Tial oni decidis sendi petskribon al la urbestraro de Arnhem por ebligi la okazon de Esp-aj kursoj por lernejanoj.

Oni priparolis, ĉu estas rekomendinde okazigi TAGE kunvenon ekster la Universalaj Kongresoj. Oni opiniis, ke estas dezirinde ne okazigi tian kunvenon en la somera tempo, sed pli bone dum Pasko aŭ Kristnasko. Pripensinde estos la klopodo aranĝi TAGE kunvenon dum la porinstruistaj kursoj en Silkeborg. Pri la redaktado de Internacia Pedagogia Revuo oni i. a. decidis daŭrigi la aldonon de »Agrablaj Horoj« ĝis kiam estos sufiĉe da materialo por havigi al la anoj malgrandan libreton. La eldono de Internacia Pedagogia Biblioteko komenciĝos en la aŭtuno per 1-e la eldono de tre interesa libreto de Prof. Ad. Ferrière, Genève, pri novaj eduksistemoj kaj 2-e pri la Nederlanda pedagogo Jan Ligthart.

Ĝojiga estas la fakto, ke la korespondoficejo ankoraŭ ĉiam funkciadas kaj intencas regule aperigi, pere de IPR, la listojn enhavantajn la adresojn de geinstruistoj kaj gelernantoj, kiuj ŝatas interkorespondi.

La kunveno priparolis ankaŭ la eldonon de legaĵoj por junaj Esperantistoj. Oni opiniis, ke tia literaturo ne abundas kaj ke estos grave, ke la verketoj estu senriproĉaj laŭ stila kaj lingva vidpunktoj. Tial TAGE komencos en sia Revuo recenzliston pri rekomendindaj verketoj. Tiel ĝi ankaŭ aprobas la eldonon de la Juna Vivo, kiu enhavas preskaŭ ĉiam tre taŭgan kaj valoran materialon.

Ĉar S-ro Roome sciigis, ke li intencas eksiĝi kiel prezidanto favore al pli juna kolego, oni decidis, ke la sveda sekcio (kiu estas la plej granda sekcio en TAGE), elektu el sia anaro novan prezidanton.

Lundovespere estis prezentataj lumbildoj pri la senakvigado de la Suda Maro kaj la ekkulturado de »Wieringermeerpolder«. Precipe por eksterlandanoj tiuj lumbildoj estas tre instruaj kaj la kunveno esprimis sian dankon al la »projectie-onderwijs-centrale« en Nimego, kiu pruntedonis al TAGE la aparaton kaj la lumbildojn.

Dum la aliaj tagoj oni ekskursis al diversaj muzeoj, oni vizitis la belajn parkojn kaj ĝuis la agrablan atmosferon en la Esperanto-Domo, tiel lerte gvidata de Gesinjoroj Moreau.

## Sveda Instruista Esperanto-Federacio

jarkunvenis la 8-an de junio 1935 en restoracio Valand en Gotenburgo. Nur malmultaj, sed interesitaj instruistoj ĉeestis.

La kunvenon malfermis la prezidanto de la federacio, s-ro Thorsten Torbjär el Gotenburgo.

Por funkcii dum la jarkunveno, oni elektis s-ron Torbjär kiel prezidanton, s-ron Svantesson kiel protokolanton, kaj por ĝustaserti pri la protokolo s-rojn Dahl kaj Torbjär.

La pritraktata jarraporto por la pasinta jaro akcentis la aliĝon al TAGE. De la redakcio de IPR oni esprimis deziron, ke la izolaj membroj interesiĝu pri la federacia organo kaj ke oni skribu artikolojn por ĝi. La estraro de la sveda federacio petas siajn membrojn laŭeble kontentigi la redakcion en tiu punkto, ĉar ĝi komprenas la malfacilaĵojn, kiujn prezentas la redaktado de la federacia organo.

Dum la fino de la pasinta jaro la estraro devis pro ekonomiaj kaŭzoj ĉesigi la apartenecon al Sveda Esperanto-Instituto. Tiu ago kaŭzis viglan diskuton. Interalie membro de la Instituto opiniis, ke tio ne estas afero unuflanka. Tian ĉesigon devas aprobi ankaŭ la Instituto. Sed de la Instituto ne alvenis plendo, kial la estraro ne povis kredi alion ol ke la afero estas en bona ordo. Ĉiuokaze ne estis eble pagi la kotizon.

Por la fakkunveno de TAGE en Stokholm dum 1934, la estraro iom helpis al TAGE por havigi prelegantojn.

Ĉe la speciala esperantokongreso en Wien dum 1934 la Federacion reprezentis s-ro Bjarne Beckman el Karlskrona.

La instruista gazetaro faka en la lando estas per la estraro provizata per novaĵoj pri esperanto. Plej interesan laboron en tiu kampo faris s-ro Hj. Kihlberg, kiu krome verkis artikolon pri la esperantomovado inter instruistoj, kiun artikolon represis Blekinge läns tidning, Ronneby tidning kaj Katrineholmskuriren. Nykterhetsfolkets kalender pro peto ricevis informojn pri la Federacio por enpreso en sia informaro.

La pasinta jaro donas impreson de malvigleco, kial la estraro konsideris la demandon pri ĉesigo de la Federacio, precipe pro la tro malgranda nombro da aliĝintoj, kio kaŭzas ekonomian malfacilon. Tamen la estraro hezitas antaŭ tia propono. Ĝuste ĉe la okazo de la jarkunveno ni havas kasan deficiton, kaj nepre estas, ke oni trovu vojon por forigi ĝin, prefere per varbado de pliaj membroj. La estraro esperas je komunaj streboj en tiu punkto, por ke la federacio povu vivi.

La raporton de la estraro oni aprobis, kiel ankaŭ la revizoran raporton, kaj senŝarĝigis la estraron.

Nepreciza propono pri eventuala kunfandiĝo de la instruistoj esperantistaj en la tri nordaj landoj en unu federacion, kaŭzis ioman diskuton, kaj oni lasis al la estraro esplori la eblecojn en tiu afero.

La propaganda afero estis diskutata. Oni proponis al la estraro sin turni al la gvidantoj de la koresponda kurso por ricevi adresojn de personoj, interesiĝintaj pri esperanto. Same oni ankaŭ faru ĉe Eldona societo kaj ĉe Koresponda Lernejo de Hermod. Oni ankaŭ uzu la instruistajn gazetojn nacilingvajn pli intense por tiu celo.

Kiam la parolo estis pri la kasa manko, f-ino S. Eriksson el Alingsas donacis por la kaso 5.— kr., kaj s-ro P. Ödlund el Ödenäs 2.— kr. (Aliaj sekvu la imitindan ekzemplon! *Kas.*)

Al la kunveno venis kelkaj salutoj, de TAGE, s-ro Andrén el Svennevad, s-ro Blid el Nynäshamn kaj s-ro Kihlberg el Vingaker.

Estraro por la jaro 1935 estas: S-ro Thorsten Torbjär, prezidanto; s-ro Fritiof Ahnfeldt, sekretario; s-ro Oskar Svantesson, kasisto; s-roj Linus Andrén, Algot Blid, Bjarne Beckman, Einar Dahl, Sam Jansson, Ernfrid Malmgren, Nils Nordlund, Gunnar Otterfors.

Revizoroj por 1935 estas f-ino Karin Hallengren kaj s-ro Gustaf Rimberth.

La jara kotizo estis fiksata je 3.— kr.

Post dankparolo al la estraro de s-ro Dahl la kunveno finiĝis.

*Oskar Svantesson*

---

# La dilemo de la historio-instruado

La historio-instruado en multaj rilatoj formas la vivkoncepton de la junularo, jen ĝia valoro kaj jen ĝia dilemo, precipe en nia kriza kaj ĥaosa epoko kun ties akraj kontrastoj. Temas pri la provo adapti la esploradon de la deknaŭa jarcento al la bezonoj de nia epoko kaj repacigi ĝian liberan kaj kritikan, principe objektivan sed fakte tendencan pensadon kun nia malfido kontraŭ intelektualismo kaj teoria analizemo, kun nia postulo de kredo kaj volo, praktika laboro por venki la amasiĝantajn, ŝajne nesolveblajn problemojn. Pli ol iam la historio devas fariĝi viva potenco kaj ne nur malviva memora scio.

Traelekti la materialon, jen la unua dilemo! Kio estas esenca kaj kio malesenca? Neniu ja dubas pri la graveco de la antikva epoko aŭ pri la valoro ĝisfunde studi la lastajn du jarcentojn, precipe la tempon post 1880, kiu donas la senperajn premisojn de nia propra epoko. Sed ĉu ni povas respondi pri malpliigo de la kurso pri la mezepoko aŭ la tempo de la sangaj religiaj bataloj inter reformado kaj kontraŭreformado, kiuj hodiaŭ pli ol iam aktualiĝas? Kaj tamen, severa traelektado estas nepre necesa, eĉ se ni devus »forĵeti tutan mondparton aŭ tutan jarcenton por studi la reston ĝisfunde«, kiel konscie troige diris sveda pedagogo. Estas necese agi sen antaŭjuĝoj!

Provante vivigi la historio-studadon, la instruisto devas memori, ke nur studego estas maltaŭga metodo. Firma memora scio kompreneble estas la fundamento de ĉiu scienco, sed nur fundamento estas malagrabla loĝejo. Pli valora estas la viva vorto de la instruisto, ĉu temas pri konkretaj, kolorriĉaj rakontoj, aŭ la vekado de la juna entuziasmo, aŭ la atentigo pri tipaj okazoj aŭ la pritraktado de historiaj problemoj. Dum instruistaj prelegoj la lernantoj ankaŭ povas lerni la netakseblan kapablon fari notojn dum parolado.

Nenio tamen donas tian vivan scion pri certa temo kiel bone ordigita memstara aktiveco, ĉu kiel prelegetoj aŭ personaj labortaskoj, ĉu kiel t. n. gruplaboro. Tion, kion oni perdas en enciklopedia scio, oni multoble regajnas per la pli persona proprigo de la studita temo kaj pri la ricevita kapablo entute trakti historian materialon kaj historiajn problemojn. Sed ankaŭ tiu metodo havas sian dilemon, kiu eble estas klarigebla pere de la vortoj de maljuna sveda pedagogo: »Bonaj instruistoj estas el du specoj, tiuj, kiuj trostreĉas sin mem, kaj tiuj, kiuj trostreĉas la lernantaron.« Kaj nur firma konvinko pri la valoro de la memstara aktiveco povas venki la sennombrajn malfacilaĵojn.

Sed tia konvinko intime dependas de la ĝenerala koncepto de la instruisto, lia tuta koncepto pri vivo kaj homoj. Kaj tiu siavice reefikas ĉiurilate al lia instruado kaj edukado.

Jen la kerna problemo, ĉar la plej aflikta dilemo de la nuntempa historio-instruado estas la sovaĝa batalo inter malsimilaj vivkonceptoj! Post la politikaj, sociaj kaj ekonomiaj terŝoviĝoj de la lastaj jardekoj ŝajne ne ekzistas firma fundamento en la mondo kaj malnovaj spiritaj normoj ŝanĝas valoron tiel rapide kiel akcioj kaj valutoj en la borso. En kelkaj landoj — la ŝtatoj, kie regas diktatoreco — oni tamen provis krei novan, firman skalon de valoro pere de la reganta idearo, sed en tiuj landoj, kie regas ankoraŭ la liberalaj principoj en la instruado kaj la instruisto posedas grandan liberecon, sed ankaŭ grandan personan respondecon, estas pli malfacile prijuĝi kaj nian propran epokon kaj la pasinton. La evoluo pravigis la vortojn de la plej granda sveda filozofo: »Serĉu la veron, kaj se kondukus la vojo ĝis la pordegoj de la Infero, frapu!« Ni serĉis la veron, ni nun estas antaŭ la pordegoj de la Infero, kaj verŝajne ni devas frapi, esperante, ke la vojo ne nur kondukus tien, sed ankaŭ transen!

*Bj. Beckman*

---

# *Pri stenografio en Lernejo*

Kun granda intereso mi legis en IPR (no 3. 1935) la artikolon de samideano Max Heinrich, el Potsdam, titolitan: »Nova metodo por lernigi legadon kaj skribadon«.

Mi ankaŭ uzas stenografion kiel instruan rimedon, sed nur kun miaj 12-13 jaraj lernantoj. Al ili mi donas tekstojn stenografie skribitajn, por ke ili skribu ilin franclingve kun regula ortografio, aŭ demandojn pri aritmetika problemo, kiujn mi tiamaniere skribas rapide sur la nigra tabulo, ŝparante valoran tempon.

Ĉu stenografio povas ankaŭ utili por lernigi plifacile legadon kaj skribadon al junaj gelernantoj? Nur provoj faritaj povas sciigi nin pri tio, kaj estus bone se tiuj, kiuj provis tiun rimedon, kiel faris s-o M. Heinrich, publikigus en IPR la atingitajn rezultatojn.

Ekzistas diversaj stenografiaj sistemoj. Mi uzas la »Duployé-Flageul«-an sistemon, pri kiu la interesuloj povas havi sciigojn skribante al

*»Stenografa Instituto Tutmonda«*
9, Bulvardo Voltaire,
Issy-les-Moulineaux (Seine) Francujo.

*P. S.* La sistemo »Duployé« estas alfarita al pli ol 20 lingvoj.

# Edukado en Kanado

Kanado havas proksimume 10 milionojn da enloĝantoj, kaj tamen ĉi tiu lando ĉiujare elspezas £ 36,000.000 por la instruado. Oni deziregas pli da kleriĝo. Estas ĉiutagaĵo renkonti »trapper« (bestkaptisto), diligente pristudanta sian libron, sekvanta la indikojn, kiujn instruisto donas al li pere de radioaparato. Kvarono de la loĝantaro iel studas.

Mi donu kelkajn elokventajn nombrojn: 2½ milionoj iel studas, 80.000 vizitas la universitatojn aŭ kolegiojn. Analfabeteco praktike ne ekzistas. Deviga instruo ĝis 14 aŭ 15 jaroj. La elementa instruado estas senpaga kaj la pagota sumo por la duagrada kaj la universitata instruo plejeble malalta.

Kaj ĉi tiuj studentoj ne evitas sin streĉi; se iel eble ili kaptas la okazon gajni kelkajn dolarojn, kiujn ili ege bezonas por libroj kaj aliaj studnecesaĵoj. Inter tiuj junaj studentoj regas socia solidareco plej bele sin manifestanta en la tiel nomataj »Universitatoj en ,Overalls'«. Estas klasoj da senlaboruloj, kiuj vespere kunvenas kaj estas gvidataj de personoj, finstudontaj en universitato, tage laborantaj en minejoj aŭ lignosegejoj. En liberaj vesperhoroj ĉi tiuj instruas junajn laboristojn tute aŭ parte sen laboro. La entuziasmo, kun kiu ili sin dediĉas al tiu nepagata laboro, vekas ĉe la senlaboruloj saman entuziasmon, tiel ke la morala nivelo de ambaŭ partioj plialtiĝas. Estas speciale la kamaradeco, kiu karakterizas la tutan sistemon, kaj inventas ĉiajn originalajn rimedojn kaj metodojn. Kompreneble ankaŭ en Kanado oni renkontas la usonan spiriton, kiu postulas, ke oni sin orientu laŭ la praktiko. Ekzemple en Manitou (Manitoba) la vespera popollernejo, kie estas instruataj multaj fakoj: la angla kaj la franca lingvoj, matematiko, librotenado, minologio kaj geologio. Ja estas la ordinaraj fakoj. Sed io malordinara estas la preparo por la teatro, kiu formis multajn amatorojn.

Tre neordinaraj estas tri kursoj multe vizitataj: ŝuflikado, vestfarado kaj... provizora helpo dum akcidentoj.

Alian ekzemplon. La vojaĝantaj bibliotekoj. Ĉiu loko, kiel ajn malproksime situanta en la stepo, povas akiri sendaĵon de 50 libroj. Post duonjaro ĝin anstataŭas alia serio. Parto estas teknikaj studlibroj, sed pli granda parto estas amuza legaĵo. Avide oni legas ĉi tiujn alsenditajn librojn, sed pli zorgeme oni traktas kaj post duonjaro en bona stato resendas ilin. En Saskaĉevan cirkulas 70.000 volumoj kaj dum multaj jaroj neniu libro perdiĝis. Unu el la 10 administrantoj konstatis, ke, post kiam li disdonis la librojn regule post la dimanĉaj diservoj, la nombro de la parohianoj duobliĝis.

Sed kanada specialaĵo estas la lernejvagonaro, aŭ eble pli ĝuste dirite: la vagonar-lernejo. Estas vagonaro, instalita kiel lernejo kaj kiu efektive venkas la malfacilaĵon de la grandaj distancoj. Tiuj vagonaroj, provizitaj per nigraj tabuloj, benkoj kaj kartoj kaj per ĉio, kio estas en bone instalita lernejo, portas la sciencon ĝis en la plej forajn lokojn.

Eĉ la sonorilo, donanta la signon por la komenco de la lecionoj, ne mankas.

La instruistoj, kiuj instruas en ĉi tiuj vagonaroj, havas siajn proprajn ĉambrojn, en kiuj komforto kaj simpleco estas kombinitaj.

La vagonaroj veturas de loko al loko, kaj kie ili haltas, tie ili restas kelkajn tagojn. La instruistoj kunvenigas malgrandajn klasojn (10 aŭ 12 lernantoj inter 5—18 jaraj). Kiam en iu vilaĝo aŭ vilaĝeto estas pli da lernantoj, tiam la registaro konstruigas regulan lernejon.

Kelkaj el tiuj vagonaroj estas agrikulturaj lernejoj. Ili enhavas malgrandajn ekspoziciojn — ankaŭ fruktojn kaj semojn, eĉ brutareton, kio ebligas ke oni instruas la praktikon. Ekz. kiel bone prizorgi la brutojn kaj kiel melki. Dum unu jaro tiuj kursoj estis vizitataj de 40.000 personoj.

---

# KRONIKO

**USSR (Sovet-Unio.)** La Internacia Pedagogia Servo de la Centra Kino-Foto-Radio »Oficejo en Popolkomisariejo de Pezindustrio U. S. S. R.« (adreso: USSR Moskvo 5. Poŝtkesto 152) sendis al nia redakcio du leterojn, kiujn ni publikigas sube.

La respondantoj certe per siaj korespondoj akcelos la propagandon de Esperanto en USSR.

I. Estimata kolego!

Estu afabla priskribi pli detale, kiamaniere estas organizataj la lecionoj aŭ lekcioj en viaj superaj lernejoj kun epidiaskopoj (t. e. kunapliko de diapozitivoj kaj lumbildoj).

Tiu-ĉi temo nin precipe interesas, ĉar ni aŭdis, ke la apliko de lumbildoj (diapozitivaj) eksterlande estas tre multe uzata.

Nin interesas:

1. kiom da diapozitivoj oni donas por unu lernohoro,
2. kiom da tempo (minutoj) oni tenas sur la ekrano la lumbildon,
3. ĉu oni speciale preparas la lumbildojn por la lekcio, aŭ ĉu oni uzas la lumbildojn produktitajn de specialaj fabrikoj, institucioj, entreprenoj.
4. Ĉu la lekcio estas kunmetata laŭ la diapozitivoj, aŭ male, la diapozitivoj estas preparataj laŭ la lekcio, t. e. ĉu la pedagogo intencante fari lekcion estas devigata akomodiĝi al la ekzistantaj diapozitivoj, aŭ ĉu li libere elektas la temon kaj laŭ la temo devigas produkti la necesajn diapozitivojn.
5. Ĉu la lumbildoj estas kritike konsiderataj antaŭ la kunmetado (verkado) de lernoprogramoj de iu ajn supera institucio, aŭ ĉu ili estas hazarde uzataj.
6. Bonvolu priskribi la metodikan prilaboron de la lekcio en la superaj lernejoj kun apliko de diapozitivoj.
7. Ĉu ekzistas ĉe la superaj lernejoj propraj foto-laboratorioj, kiuj laŭ la mendoj de l' pedagogoj produktas la diapozitivojn.
8. Kiu praktika procedo de l' produktado de diapozitivoj ekzistas en la suprenomitaj foto-laboratorioj.
9. Kiajn projekciajn aparatojn (lanternojn por lumbildoj) oni uzas en la aŭditorioj de superaj lernejoj.
10. Kiajn sistemojn de l' lumigado oni uzas en la projekci-aparatoj.
11. Ĉu ekzistas iu speciala literaturo pri metodoj de apliko de diapozitivoj por la lekcio aŭ leciono en la superaj lernejoj (se jes — bonvolu noti la titolojn de l' verkoj kaj iliajn aŭtorojn).

Ni petas pardonon, ke ni superŝutis vin per multenombraj demandoj, kaj se vi respondos eĉ unu el ili ni estos tro dankaj.

Memkompreneble ni volonte rekompencos viajn klopodojn pri la

plenumo de nia peto kaj sendos laŭ via deziro iun ajn verkon, eldonitan en USSR en Esperanto aŭ en iu nacia lingvo.

Atendante vian afablan respondon ni restas estimplenaj

»Internacia Pedagogia Servo.«

II. Estimata Kolego!

Ni tre deziras starigi kun vi regulan korespondadon pri jenaj temoj:

1. Kiamaniere oni ĝenerale aplikas kinon, radion kaj foton en lernejoj, institutoj, universitatoj de via lando?

2. Kiamaniere vi persone aplikas kinon, radion kaj foton por la lernejo kaj instruado?

3. Per kiaj aparatoj estas provizataj la lernejoj por utiligi ĉi instruadon?

4. Kia estas la metodiko de l' aranĝo de lekcio (aŭ leciono) kun apliko de radio, kino, foto, diapozitivoj (lumbildoj) diagramoj, plakatoj ktp.

5. Ĉu oni aplikas en unu leciono (lekcio) samtempe ĉiujn supremenciitajn elementojn de l' aktivigo de leciono aŭ ĉu oni aplikas ĉiun elementon de l' aktivigo aparte?

6. Kian metodon oni aplikas, por ke kino-radio, filmo estu uzata plej efike?

7. Kiamaniere estas aranĝataj instruaj radio-kino filmoj laŭ iliaj metodikaj principoj (nome: ĉu la pedagogo aŭ profesoro partoprenas iliajn aranĝojn dum la tuta produktado, komencante de l' verko de »scenario« aŭ ĉu la rolo de la pedagogo-profesoro finiĝas post tiu momento, kiam li jam estas verkinta la scenarion?)

8. Kiaj estas la metodoj de l' kontrolfiksado de rezultoj pri apliko de radio, kino kaj foto en pedagogia procedo (influo de radio, kino al gelernantoj).

9. Kiel estas efektivigata esplorlaboro kaj eksperimentlaboro celanta elmontri bonajn kaj malbonajn kvalitojn de l' radio, kino?

10. Kiaj plej modernaj aparatoj de radio, kino kaj foto estas uzataj dum la laboro (sistemoj de radioaparatoj, de lumbildaparatoj, epidiaskopoj ktp.)

11. Ĉu vi povas komuniki adresojn de ĉiuj pedagogoj en via lando, urbo (aŭ en aliaj landoj), aplikantaj radion, kinon, foton.

Ĉu vi povas citi specialan literaturon (libroj, gazetoj) pri supreditaj demandoj?

12. Ĉu oni faras seancojn de kino (lecionojn kun apliko de kino) en duonlumo, por ke la gelernantoj povu vidi unu la alian, vidi la gestojn kaj mimikon de la pedagogo, aŭ ĉu oni aplikas kinon en absoluta mallumo?

13. Ĉu ekzistas speciala teknika aranĝo seninterrompe ŝanĝi (anstataŭi) sur la ekrano kino-filmojn kaj diapozitivojn; se jes — tiam estas dezirinde priskribi la detalojn de l' aranĝo (aparato).

14. Ĉu la instruprogramoj antaŭ ilia aranĝo estas pristudataj el vidpunkto de ilia ekranigo kaj radiigo?

15. Ĉu dum la kino-lecionoj oni aplikas ekspozaĵojn, diagramojn, plakatojn, fotojn, bildojn, ktp.

16. kiajn sonfilmojn oni uzas dum la lecionoj (ĉu ekzistas iuj specialaj katalogoj de similaj filmoj.)

17. Kiajn mallongmetrajn filmojn oni uzas dum la lecionoj (ilia longeco, ilia enhavo, ilia aplikmetodo, ilia aranĝmetodo).

18. Ĉu povas la pedagogo sen helpo de kinoteknikisto reguligi kaj gvidi la tutajn aparatojn de kino, de lanterno por lumbildoj ktp. el la aŭditorio (klaso) mem — kaj kiamaniere tio estas aranĝata?

19. Kiom longe daŭra estas la leciono, ĉu ĝi estas 15-, 20-, 25-, 30-, 35-, 45-minuta?

20. Ĉu oni aplikas iun metodon por malgrandigi la laciĝon pro la tro longa aŭskultado ĉe radio-leciono?

21. Estas tre dezirinde ricevi priskribon de l' matena leciono de gimnastiko per radio por gelernantoj (se ĝi okazas).

22. Kiun muzikon oni aplikas dum la radiolecionoj de gimnastiko (ĉu ĝi estas speciale komponata, aŭ ĉu oni elektas pecetojn el famaj muzikaĵoj.)

23. Priskribu la metodon aplikatan por instrui fremdajn lingvojn per radio.

Internacia Pedagogia Servo.

## Abonprezo de IPR

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de TAGE.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guld.

Por 2.50 ned. guldenoj estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 33 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 75 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.
2) Ne sendu poŝtmarkojn.
3) Sendu papermonon en registrita letero.
4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.
5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

## Agentoj de TAGE

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE, Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon. Harrow St., Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, gimnazia instruisto, TIRNOVO.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio Poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21. Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** S. Kr. Nielsen, FEDERICIA Sundegade 3.

**Estona:** Johannes Jaanisto Kastani. 125—1. TARTU.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd. Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ. JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. Iŝlaŭzas. paŝt. ag. PRIENU. VALS.

**Nederlanda:** M. van Mullem. 0.58. OPHEMERT. kasisto: E. A. Koot, UTRECHT W. v. Noortstr 10. Poŝtkonto nro 176356.

**Nederlanda Hindujo:** vakanta.

**Pola:** B. Gluchowski. ŝw. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Svisa:** S-ino N. Oumansky. 12 rue Jean-Jacquet. GENÈVE.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. Californie.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.



Felelős kiadó: Bleier Vilmos. Készítette a Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gy. felelős